# BULTENO
de la Internacia Federacio de Esperantistaj Fervojistoj





Sekretariejo: Orteliusstraat 108III Amsterdam

Redaktejo: von Liebigweg 26 Amsterdam


## LA IROTA VOJO

Antaŭ mi kuŝas la unua numero de *Fervoja Esperantisto*, organo de la Internacia Asocio de Esperantistaj Fervojistoj. Tiu ĉi grandformata, belaspekta gazeto aperis unuafoje en decembro 1910a.
La bonstila enhavo stimulas al disvastigado de nia lingvo inter la jam tiam multnombra esperantista fervojistaro.
Traleginte kelkajn numerojn, mi konstatis ke la celo de niaj pioniroj eĉ neniel diferencas de la nia. Nia penado do ne estas novaĵo sub la suno. La kolegoj de antaŭ 40 jaroj, same kiel ni, forte konsciis pri la neceso de internacia helplingvo Ankaŭ ili laboris pri fakterminaro fervoja; enkonduko de Esperanto en la fervoja administracio, insigno por fervojistoj esperantistaj, ktp.
En artikolo de aŭstra kolego C.Bender mi legas: *Kiel rapide foriĝus ĉiuj baroj, konstruitaj de malsamlingveco, se la administracioj (fervojaj) pli ol nun asistus la disvastigon de nia lingvo.*
Jen, jam tiam ili martelis sur la sama amboso, kiun nun marteladas sinjoro Pape kaj nia kolego Angermayer en Linz.
Pro tiu miritplena laboro niaj antaŭuloj ĝuis la honoron ricevi stimulan leteron de D-ro Zamenhof mem, en februaro 1911a. Tiu letero de la majstro estas la plej bona pruvo, ke ankaŭ tiam ne mankis la entuziasmo kaj laboremo en rondo fervojista. Kiel ajn necesa estas tiu laboremo, ili tamen ne konsistigas la fortikan fundamenton, sur kiu devas baziĝi iu organizo. La realeco ja instruas al ni, ke la nemankipova bazo de la organizo estas ĝia sana financa stato. Kaj ĝuste tiun leĝon de la necesa ekvilibro inter la en- kaj elspezoj niaj pioniroj malatentis; ili neglektis la valoron de akurata administrado.
Tiel povis okazi, ke post la unua mondmilito la gazeto reaperis ne sub la sama redakcio, sed sub aŭspicioj de la tiama I.T.F. Ĉefa kaŭzo de tiu, cetere bedaŭrinda ŝanĝo estis la fakto, ke multaj anoj ne pagis la sufiĉe altan abonprezon por la gazeto. Ŝajnas ke ankaŭ post tiu ŝanĝo daŭris la neĝusta administrado.
En la numero de marto 1933a mi legas la plendon: *Ni petegas ĉiujn membrojn sendi la kotizon al s-ro George Chilot*.
Evidentiĝis ke oni ne iris la ĝustan vojon, kaj tio nepre kaŭzis la senbruan morton de la tiama Internacia Asocio kaj ĝia belaspekta gazeto.
La organiza formo, bazita sur la individua membreco donis al multaj anoj la okazon forgesi pagi sian kotizon, tiel urĝe bezonatan por financi la administradon de la organo kaj de la luksa gazeto.
Por Petro sperto, por Paŭlo averto.
Tial ni elektis la federacian formon, kiu garantias al ni , ke la kasistoj de la landaj organizoj enspezas en sia regiono la kotizon, favore al IFEF.
Tiu formo krome donas la okazon de pli intimaj rilatoj inter la anoj en la sama lando.
Ankaŭ tial ni provizore devas esti kontentaj pri nia modesta bulteno, kiu tamen havas la avantaĝon de la regula kontakto inter la individuajanoj kaj la estraro, kaj kiu spegulas la spiriton en IFEF.
Nia organiza vivo kulminas en la ĉiujaraj kongresoj, en la ĝis nun brile sukcesintaj okazintaĵoj kun sia granda propaganda valoro. Tie oni havas la okazon renovigi amikajn rilatojn, interŝanĝi ideojn, diskuti proponojn por la ĝenerala intereso de nia organizo.
Jen la sana bazo de IFEF, kiu eblegas al ĉiu grupo, al ĉiu individuo kontribui laŭpove al la efektivigo de niaj idealoj.

La stato, ke ĉiu havas samajn rajtojn implicas, ke ĉiu havas ankaŭ samajn devojn. Kiam la kongreso ekzemple decidas eldoni glumarkojn aŭ insignon, la ĉefestraro faras ĉion por trovi la monon bezonatan por efektivigi tiun decidon.
Tamen per tio la senco de la decido ankoraŭ ne estas plenumita. Ni bezonas aĉetantojn, kamaradojn kiuj pretas oferi kelkajn monerojn, por ke tiuj glumarkoj, aŭ insignoj trovu la vojon tra la mondo. En la ŝranko de nia kasisto ili malpli valoras ol la elspezita mono.
Ni ĝoje akceptas kaj serioze traktas ĉiujn proponojn celantajn antaŭenpuŝi nian organizon; ĉu temas pri pligrandigo de nia bulteno, ĉu pri la eldono de la tiom necesa terminaro, kondiĉe ke ili ne ruinigu nian financan bazon.
Ni rajtas fidi, ke niaj anoj akceptas la konsekvencojn de kongresdecidoj, eĉ kiam tio postulas de ili malgrandan monoferon.
Tiurilate tamen estas ankoraŭ kelkaj mankoj.
Ni decidis en ĉiu lando elekti redaktoron por ke li de tempo al tempo sendu sciindaĵojn al la centra redaktoro.
En sia lando li povas esti la centro de la verkemaj amikoj kaj stimuli la verkadon aŭ tradukadon de artikoloj interesaj por fervojistoj.
Plue ni decidis fondi landajn vojaĝoficejojn.
Nu, post preskaŭ tuta jaro ni ankoraŭ nenion aŭdis pri la efektivigo de tiuj decidoj en la diversaj landoj.
Tie ĉi kuŝas grava eraro, kiu minacas senvalorigi la ĉefan celon de niaj kongresoj. Ni kune serĉu la fonton de tiu eraro, por ke ni plej baldaŭ forigu ĝin. Espereble Lindaŭ donos la solvon.
Ĉu vi jam preparis vin al tiu multpromesa okazontaĵo ? Venu multnombre!
Tie vi unuafoje portos nian belegan insignon, kiu ĝuos la honoron esti la Lindaŭa kongresinsigno.
Tie ni ankaŭ bonvenigos du novaliĝintaj landoj; Hispanio kaj Belgio.
Aplaŭdon meritas la aktiva agado de nia brusela kolego de Bruyne-Pieters.
Amikoj, ĝis baldaŭ en Lindaŭ, kie ni komune laboros kaj ĝuos.
Vi ne bedaŭros vian vojaĝon!

La prezidanto.

## KONGRESANOJ ATENTU!

Pere de la LKK en Germanio la diversaj landaj sekcioj ricevis informon pri ŝanĝo de la postkongresa ekskurso. La postkongresa ekskurso estas anstataŭita, kaj nun la svisaj kolegoj aranĝos la postkongresan ekskurson al Zürich kaj St.Gallen en Svisio. Kvankam tiu ekskurso al Svisio ne kaŭzos malfacilaĵojn koncerne la pasportojn ktp, ĝi tamen finiĝos unu tagon pli malfrue, sekve la 31an de majo. Krome, kiam ĉitiu BULTENO venos en la manoj de la izolaj gemembroj partoprenontaj nian kongreson, la tempo ne sufiĉas por peti la necesajn biletojn.
Ekzistas tamen ankaŭ malfacilaĵoj, kiuj malebligos al diversaj gekolegoj partopreni la ekskurson al Svisio. Tiuj lastaj ne timu veni al Lindaŭ, ĉar la LKK daŭrigas la intertraktojn kun la Direkcio en Karlsruhe pri la postkongresa akskurso en Germanio, por ke ĝi povu okazi por tiuj, kiuj ne povos iri al Svislando pro kia ajn kaŭzo.
Ni do direktas la jenan afablan peton al la vojaĝgvidantoj en la diversaj landoj kaj al la unuopaj partoprenantoj:
Informu, se tion vi ne ankoraŭ faris, la LKK-on pri la nombro da partoprenontoj al la postkongresa ekskurso en Germanio, kaj informu s-ron Bipp, Oberwiesenstrasse 6a, Zürich 6/57, Svisio, pri la nombro da partoprenontoj al la postkongresa ekskurso al Zürich kaj St.Gallen.

## KONGRESINFORMILO No. 3

### Postkongresa ekskurso

Laŭ invito de la svisaj kolegoj estas okazo partopreni postkongresan ekskurson al St.Gallen-Zürich la 30/31-5-1952. Pri detaloj, speciale pri mendoj, bonvolu direkti vin al la landaj delegitoj, aŭ al kolego W.Sonderegger Albertstrasse 3, Zürich 5, Svislando.

Laŭ deziroj de aliaj kolegoj tamen okazos ankaŭ postkongresa ekskurso en Germani. Ĉar la veturo al Nigra Arbaro postulus tro multe de via tempo por al- kaj reveturo, la LKK elektos ekskurson al Oberstdorf (allgaŭ).

### Vizoj

Laŭ letero de la germana oficejo pri eksteraj aferoj, la germanaj eksterlandaj reprezentantoj estas informitaj doni senpagan vizon por la vizito al la kongreso.

## KONGRESPROPONOJ

### Nederlando

Deziresprimo: La Fervojista Esperantista Rondo Nederlanda ( FERN ) invitas la kvinan IFEF-kongreson al Nederlando en majo 1953.

## FERIO-SEMAJNO EN NEDERLANDO

Okaze de la 6a kongreso de la Fervojista Esperantista Rondo Nederlanda en Zwolle (14 - 20 Sept-o 1952), ni okazigos ferio semajnon, ankaŭ por ne-esperantistaj fervojistoj.
Tranoktado en amasloĝejo aŭ ferio-dometoj en arbara loko apud Zwolle.
Por la tuta semajno la kostoj estas po Fl. 25.00. En ĉi tiu prezo 7 tranoktoj estas enkalkulitaj. Ankaŭ tendumi en kunportita tendo estas permesate; por tio la prezo estas malpli alta.
Interesaj ekskursoj al Amsterdam, Marken, Volendam, kaj vizito al la FERN-kongreso je 18/9 ktp.
Anoncu vin baldaŭeble, sed nepre antaŭ la la de aŭgusto ĉe W.Gelderman, Lindestraat 57, Zwolle, Nederlando.
La diverslandaj redaktoro estas afable petataj enpresigi ĉisupran anoncon en siaj respektivaj landaj organoj. Partoprenu multnombre!!

**SVEDA SEKCIO ESTAS FONDITA.**
Kun granda ĝojo mi povas sciiĝi, ke nun ankaŭ en Svedio IFEF-sekcio estas fondita. La estraro konsistas el la jenaj kolegoj:
Prezidanto: Hjalmar Olsson, St.Eriksgatan 85, Stockholm V.
Kasisto: Josef Nordin, S.J.Bost. 9/1. Ulriksdal.
Sekretario: Bertil Örtengren, Schultzväg 39, Ulriksdal.
Samtempe aliĝis ok novaj membroj, kaj sekvos ankoraŭ pli. La novajn svedajn amokojn ni tutkore bonvenigas en nia familia rondo fervojista.
Al niaj membroj korespondantaj kun svedaj fervojistoj ni petas atentigi siajn korespondantojn pri la ekzisto de tiu sveda sekcio.
Niaj svedaj izolaj membroj Tandlund, Lord kaj Nilsen estas afable petataj anonci sin al la sekretario Örtengren.
Ekde nun oni pagu la kotizon rekte al la kasisto Nordin.

## EL LA GAZETARO

La organo *La Fervojisto*, No.4 de la Itala Fervojista Esperantista Asocio, aperis kun presita kapo. Mirindaj estas la progresoj de tiu juna asocio al IFEF aliĝinta. Ne nur la aspekto de la organo mirigis nin, sed ankaŭ la enhavo. La 9an de septembro 1951 okazis la unua jarkunveno, kaj ni legis pri tio, ke 50 delegitoj el 12 grupoj ĉeestis ĝin.
Tio tutcerte promesas al ni la aliĝon de pluraj gekolegoj al nia internacia familio fervojista.-------Laŭdon al A.I.E.F.!

La Brita Asocio de Esperantistaj Fervojistoj eldonis Bultenon No.1.
Kvankam ankoraŭ en modesta formo, la enhavo atestas pri pligrandiĝanta aktiveco en tiu granda regno.
Sub la devizo: *Ĉu ni povos atingi 75 anojn dum 1952* oni komencis la propagandon. Niaflanke ni deziras al B.A.E.F. la deziratan sukceson.

Ankaŭ la Dana Esperanta Fervojista Asocio(DEFA) surprizis nin per la eldono de propra membro-organo. La unuan numeron ni ĵus ricevis kaj ni povas gratuli la danajn gekolegojn pro la belaspekta kaj bone legebla organo.

En *THE U.R.S.OPINION*, organo de la *Union Of Railway Signalmen*, ni trovis artikolon en la Angla lingvo de nia aktiva brita kolego, Leo Dukes.
Propagandcele li verkis artikoleton pri nia 4a IFEF-kongreso en Lindau, sed ne forgesis aldoni........la adreson de la sekretario en Britio, al kiu la fervojistaj esperantistoj kaj interesuloj povos sin turni por aliĝi al nia movado. Nian koran gratulon al kolego Dukes kaj bonan sukceson al B.A.E.F.

En *Laborista Esperantisto*, organo de la Asocio de Lab.Esperantistoj en Nederlando ni legis jenan alvokon:
*Eksterlandaj kamaradoj, ĵus aperis n-ro 14a de la **internacia invorma bulteno** de Nederlanda Sindikata Konfederacio (NVV).
Informiĝu ĉe via sindikata ĉefestraro ĝu ĝi ricevis tiun ĉi bultenon.
Se jes, vi proponu fari tradukojn el ĝi por iu nacia sindikata organo.
Nepre menciu, ke vi akiris viajn informojn el Esperanto-fonto!
Eksterlandaj fratorganizoj de Nederlanda Sindikata Konfederacio, ankoraŭ ne ricevintaj la bultenon, petu senpagan alsendon rekte al:
NVV. P.C.HOOFTSTRAAT 176-180, AMSTERDAM-Z. NEDERLANDO.
Ekzempleron de organo, en kiu aperis nacilingva tradukaĵo el la bulteno oni al ĉi supre menciita adreso.

En *LA PONTO*, la oficiala organo de la Germana Esperanto-Asocio, aperis anonco pri la okazonta IFEF-kongreso en Lindaŭ.

EN *BOLETIN* de Februaro 1952 (organo de la Hispana Esperantista Federacio) ni legas en la rubriko *INTER LA PROZO DE LA ESPERANTISTA GAZETARO* la jenajn liniojn: *Fluas al ni lavango da francaj gazetoj, i.a. *La Fervojisto*redaktata de la bona amiko Guy Delaquaze, glitas sur lerte ordigitajreloj, same kiel ĝia samfakulo *BULTENO* de la Internacia Federacio de Esperantistaj Fervojistoj, kiuj deĵorante en ĝojbrue fajfantaj lokomotivoj emas al la rapideco en la varbado de novaj adeptoj.*
En la sama numero troviĝas artikolo pri la 4a IFEF-kongreso en LINDAŬ.

En *LA SEMANTO*, organo de la svisaj Laboristaj Esperantistoj, numero Jan/Febr. aperis etala alvoko al la belgaj fervojistaj esperantistoj, pere de nia kolego De Bruyne-Pieters en Bruselo.
Per informoj pri IFEF kaj ĝiaj okazintaj kongresoj nia kolego klopodas varbi membrojn por fondi ankaŭ en Belgio Asocion de Esperantistaj Fervojistoj.
Brilan sukceson ni deziras al li.

Nia amiko O.Ohlson en Ystad ( Svedio ) sendis al ni trdukon de artikolo aperinta en Sveda tagĵurnalo, rilate referaton de kunveno de la Fervojista Abstinencula Asocio Sveda, aliĝinta al la Internacia Fervojista Abstinencula Unuiĝo ( I.E.A.V.). Jen la traduko:

*Kaŭze de pli kaj pli kreskantaj internaciaj interrilatoj, la kunveno diskutis kiel oni povas supervenki la grandan lingvo-konfuzon, kiu regas en korespondado kaj dum kongresoj de la I.E.A.V.
La distrikta kunveno rekomendis al iuj asocioj svedaj ekstudi Esperanton kaj postuli de la estraro de I.E.A.V. uzi Esperanton en sia korespondado internacia kaj dum la kongresoj*.

Jen tre bona tasko por la landaj estraroj turni sin al la koncernaj unuiĝoj en la respektivaj landoj kaj proponi al ili la helpon de la IFEF-anoj por instrui nian lingvon en tiuj rondoj.

En *La Spegulo*, organo por Supra Aŭstrio, ni legis la detalan raporton pri la jarkunveno de la Aŭstria fakgrupo fervojista, aliĝinta al IFEF.
En la kunveno, kiu okazis la 8an kaj 9an de marto en Linz, oni elektis novan estraron, kies anoj ĉiuj loĝas en Linz. La salono estis plenplena kiam la estro, kolego Sighartner, bonvenigis la ĉeestantajn gekolegojn kaj koncize klarigis la centraligon de la estraro. Pro tiu ŝanĝo en la estraro niaj Vienaj kolegoj Zink kaj Hawla forlasis siajn postenojn.
Per trafaj voroj kolego Sighartner skiezis la meritojn de tiuj du vienaj amikoj, kiuj tre grave kontribuis al la prosperoj, ankaŭ de IFEF.
La IFEF-estraro ĉiloke dankas sincere la amikojn Zink kaj Hawla pro la multe da laboro faritaj por nia movado.
Iliaj adiaŭaj vortoj en la kunveno, ke ili ankaŭ estonte restos fidelaj al la fakgrupo, kaj daŭrigos la laboron nun sur alia laborkampo, garantias al ni ankaŭ la kunlaboron en nia internacia organizo IFEF.
Ambaŭ kolegoj donis al IFEF ĝian nunan famon kaj neforgesebla restos en nia memoro la brila fervojista konferenco en Vieno kaj la emociplena akcepto en la Aŭstria ĉefurbo.
Ni êne povus imagi al ni, ke tiuj laboremaj amikoj pro la centraligo de la estraro en Linz, nun subite fariĝus ripozantaj batalintoj. La batalo por la realigo de nia idealo estas por ili vivplenumo, kaj la IFEF-estraro kalkulas je ilia kunlaboro, ankaŭ estonte.

**LA REDAKTORO RESPONDAS AL**

ALOIS RAMSCHAK. Ni tre dankas vin pro via poeme verkita saluto, kiu bedaŭrinde estas tro ampleksa por enpresigi en nia Bulteno.
Cu estas eble, ke iu voĉlegu ĝin en Lindaŭ?

S-ro TRÉSORIER. Koran dankon pro via bonega artikolo, kiu trovos bonan lokon en nia Bulteno.